XIIa jaro. N° 176 (4) ☆ Monata ☆ 5 aprilo 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.— Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# KIU ERARIS?

Ekzistas malsanuloj, kiuj sin okupas pri propra flegado, nur kiam ili estas jam en tia stato, ke duba estas ilia resanigebleco.

Ĝis la ekstrema limo de siaj fortoj ili fanfaronas pri sia bonfarto, malŝate alridas ĉian averton, kaj sin fordonas al ĉiuj ekscesoj, konfidante, ke kiam la malsano estos en akra stato, la kuracisto ja scios ĉion rebonigi. Sed se la kuracisto ne sukcesas restarigi la pacienton, tiu ĉi lin mokas, insultas lian sciencon, kaj ĝemas, ne kontraŭ si mem, sed kontraŭ la medicino. Tiam alvenas la ĥirurgiisto, kiu tranĉas en la suferanta korpo, ĝin iafoje resanigas, ĝin alifoje mortigas, ĝin plej ofte kondukas al dua ĥirurgiisto.

Al tia malsanulo iom similas nia homaro.

De longe higienistoj ĝin antaŭgardis kontraŭ la armadfrenezo, klare avertante, ke tiu vetkurado havos danĝeran finon; ili montris, ke sen ia organizo super la nacioj, la ĝisnuna ĥaoso fatale kondukos al sanga solvo: *ili antaŭvidis.* La antaŭvidemo neniam estis populara. La homaro indiferente aŭskultis ilin. Iliajn admonojn ĝi respondis per novaj armadkreditoj, ĉar, ĉu ne vere, la „elspezoj por plifortigi la armeojn, ĉiam nepre defendajn, estas la plej bona asekuro kontraŭ la milito"?

La malsano pligraviĝis, ekregis jam febro — simptomo de baldaŭa katastrofo —, sed la malsanulo — aŭ la homaro — nenion volis aŭskulti. Kaj, jen, neatendite, sed ne plu forpuŝeble, frapis la krizo.

La malsanulon ĝi jetis sur la dolorliton; la mondon ĝi jetis en la sangon.

Furioza la homaro indigniĝas kaj interne blasfemas — ĉar, ĉu ne, neniu en sia animo opinias nun, ke la milito estas bela kaj nobla? —, sed, strange, ĝi indigniĝas kaj blasfemas ne kontraŭ siaj kondukantoj, ne kontraŭ la malsano mem, sed kontraŭ la kuracistoj, kiuj ĝin avertis. Malbenataj, vi estu, naivaj utopiistoj! Malgraŭ ĉiuj viaj pacaj manifestacioj, viaj homfratigaj teorioj, ni nun suferas tian krizon, kian ni apenaŭ povis imagi. Nenion vi sciis eviti. For, revuloj, dormigistoj, bonintencaj idealistoj! Pli efikan kuracilon ni nun havas. La milito ĉion solvos. Lasta ĝi estos. Neniu el viaj drogoj aŭ higienkonsiloj estis utila. Oni tranĉu la nun maturan absceson!

La absceson oni nun tranĉas. Sed ĉu la paciento daŭre resaniĝos, aŭ ĉu novajn abscesojn oni baldaŭ devos denove tranĉi?

* * *

Ĉu vere la institucioj, kiuj celis la alproksimigon de la popoloj kaj la starigon de daŭra paco inter ili, meritas tiun kondamnon? Ĉu, kiel oni preskaŭ ĉie legas, bankrotis la ideoj, kiujn ili reprezentis? Ĉu la homoj, kiuj penis ilin disvastigi, estis nur iluziuloj, bonintencaj idealistoj kaj naivaj revuloj, kies teorioj estus nerealigeblaj, ĉar ili kontraŭstarus la homan naturon?

Ni rimarku, ke la aŭtoroj de tiuj ekskomunikoj estas plej ofte personoj, kiuj tute ne konas tion, kion ili atakas, kaj neniam faris ian penadon por helpi al la plibonigo de la interpopolaj rilatoj. Ilin kontentigas la ripetado de stereotipaj kritikoj legitaj en influaj gazetoj. Ili vivas en rondo

de tute pretaj ideoj kaj sentoj, trans kiu ili neniam kuraĝis rigardi. Maksimume, ili pensas: „Bela, sed malproksima idealo, kiun nur niaj pranepoj eble povos atingi.“ Dume, ili restas indiferentaj kaj fidas, ke la gvidantoj de la popoloj scios eviti katastrofojn. Fakte, malgraŭ kelkaj progresoj en la lastaj jaroj, la porpaca movado kalkulis nur tre malgrandan nombron de konvinkitaj kaj agantaj anoj; kompare, kun la amaso de la pasivuloj kaj la agemeco de la militdefendantoj ĝi estis kvazaŭ nenio. Certe, multaj homoj volonte konfesis, ke laŭdindaj estas la pacceladoj, sed ni scias, ke aprobo fariĝas reala, nur kiam ĝi estas esprimata per laŭcelaj agoj. Centmiloj de homoj ja akceptas la ideon pri lingvo internacia kaj teorie aprobas Esperanton. Kiom da ili eltiras la konkludon de tiu pure teoria aprobo kaj decide eniras niajn vicojn?

Certe, ne sole la popoloj, sed eminentuloj ĉiuspecaj, eĉ regnestroj, okaze aprobis la tendencojn de la pacmovado, sed eldirinte kelkajn aprobvortojn, ili konsideris, ke plenumita estis ilia devo, kaj ili daŭrigis sin agitadi konforme al idealo tute alia. Nur la lipoj moviĝis. Ol tiaj aproboj, pri kiuj ho ve! oni senlime fanfaronis, pli helpus kruda persekutado! Ĉe multaj el niaj samtempuloj, precipe ĉe tiuj, kiujn favoris la sorto, aprobo de iu ideo fariĝis nur formo de ĝentileco. Ĝi ne pli respondas al la internaj sentoj, ol ordinara saluto — simpla gesto, preskaŭ senkonscia. Ĉu el tio, ke iuj famuloj patronadis packongresojn kaj ĉe ili diris kelkajn afablajn vortojn, oni devas konkludi, ke tiuj famuloj estis fervoraj pacamikoj, pretaj ĉiuokaze agi laŭ la idealo, kiun ili pretendis akcepti? La faktoj klare respondis: Aprobo havas valoron, nur se ĝin akompanas konformaj agoj. Estas do tute malĝuste diri, ke la pacmovado serioze penetris ĉe la altaj rondoj; ĝi ricevis nur florojn kaj laŭdojn, sed nenian konkretan rezultaton.

Aliparte, ridinde malgranda estis la materiala potenco de la internaciaj institucioj, kompare kun la premanta supereco de la militfortoj. La buĝetoj de la diversaj internaciaj asocioj, el kiuj multaj estas pure teknikaj, atingis nur kelkcentmilojn da frankoj. Flanke de tio konsideru la centmilionojn dediĉatajn al la militpreparado. Komparu la malmultajn revuojn de la pacamikoj, disvastigitajn nur ĉe mallarĝaj rondoj de jam konvinkitaj personoj, kun la grandega forto de la gazetaro, kies fadenojn tenas plej ofte homoj, kiuj tre malmulte atentas pri la pacidealo kaj apenaŭ konscias pri sia respondeco. Miloj da homoj profesie laboras por la preparado de la milito; miloj, per la gazetoj, en la literaturo, ĉe la lernejo, konstante substrekas tion, kio dividas la homojn kaj plifortigas la naciajn antagonismojn, kaj nur kelkaj, malmulte konataj, neserioze apogataj, sin dediĉas al la pacigaj entreprenoj kaj al la malakrigo de la gentaj pasioj. Vi miras, ke tiuj lastaj ne estis sufiĉe fortaj por forpuŝi la minacon!

Dum jarcentoj, la homaro estis nur ĥaoso de sin reciproke malamantaj kaj kontraŭbatalantaj ŝtatoj, kaj pri la ebleco de paca konstanta stato ĝi eĉ ne konsciis. Grandegaj penadoj estis necesaj por formi la nunajn naciojn, el kiuj kelkaj unuiĝis sole en la lasta jarcento. Nur de nemultaj jaroj oni ekkonsciis pri homaro, kies diversaj partoj, anstataŭ kontraŭstari unu al la alia, kunlaborus en organizita harmonia tuto. Sed kiom da homoj longe pensis pri tiu idealo? Kiom da ili sentis sin tiel premataj de ĝi, ke ili dediĉu al ĝi sian energion kaj estu pretaj sin oferi por ĝi? Ĉu la internaciema spirito, necesa bazo de la tuta konstruaĵo, estis sufiĉe disvastigita, ke ĝi povu kontraŭbatali la instinktojn, la pasiojn, ĉiujn nekonsciajn fortojn, hereditajn el la ĉeno de la generacioj, kaj el kiuj ni povas nin liberigi nur iom post iom, dank' al granda penado?

La netuja sukceso de ideo tute ne pruvas ĝian eraron. Ĝi estas pruvo nur por tiuj, kiuj ŝanĝas ideon laŭ la modo, same kiel la virinoj ĉapelsistemon. La Esperantistoj scias, ke ili laboras por ideo ĝusta kaj fruktodona, kaj, tamen, la pli granda parto de la homaro staras rilate al ni indiferente aŭ eĉ skeptike. Ĉu el tio ni konkludas, ke Esperanto estas erara kaj ke prava estas la indiferenta publiko? Tiu indiferenteco, kontraŭe, estas nur instigilo por plua agado. Ni scias, ke pravaj ni estas, kaj el tio ni akiras forton, kiu fine venkos la inercion.

Ni allasu, ke la paca idealo ĝis nun ne sukcesis. Ĉu tio signifas, ke ĝi neniam sukcesos? Ĉu, precipe, tio signifas, ke la homoj estis pravaj, restante indiferentaj je la klopodoj de ĝiaj pioniroj?

Nomu ilin utopiuloj aŭ idealistoj. La vero restas, ke iliaj admonoj estis pravaj, ke la preparado al la milito ne gardis la pacon, sed fine, fatale kondukis al la milito. Ke ilia celo estos tuj atingita, ili neniam profetis, sed, montrinte la rimedojn por eviti la timindan finon, ili almenaŭ faris sian devon kaj ĝuste vidis. La fervoraj defendantoj de la armita paco, kontraŭe, vidis tute malĝuste. Ili admiru nun la rezultatojn de sia agado, kies viktimoj ili mem estas. El ambaŭ, kiu estis la plej naiva?

Ideo ne sukcesas sole per sia propra forto. Ĝi devas enkorpiĝi en homojn. La estonteco dependas, ne de niaj pranepoj, al kiuj ĉiuj malkuraĝuloj volonte fordonas la plej malfacilajn taskojn, sed de nia generacio.

La nuna katastrofo estas klara demonstracio kaj laŭtega averto. Se ĝi forŝiras la vualojn de la homa kredemeco, se ĝi malfermas la okulojn al ĉiuj bonvolaj homoj ĝis nun flanke restintaj, ĝi per tio reaĉetos la dissemitajn suferojn. Vi volas, ke la ĝisnuna ĥaoso cedu al pli bona ordo, ke sur la ruinoj oni starigu ne novajn facile rompeblajn ekvilibrojn, sed veran juran organizon inter la ŝtatoj, vi, unuvorte, malgraŭ ĉiuj gloroj de la milito, deziras, ke tiuj gloroj ne revenu tro ofte? Tiam, malgraŭ ĉia malŝato, vi devos rerigardi la verkon de tiuj „utopiuloj“, kiujn la modaj gazetistoj volonte traktas, ĉu kiel perfidulojn, ĉu kiel frenezulojn. Vi devos priatenti la ideojn kiujn vi antaŭe ignoris, kaj vi devos helpi al la plifortigo de tiuj institucioj, kiuj ĝis hodiaŭ vivetis meze de la ĝenerala indiferenteco. Nenion solvos, nenion starigos reciproka sinriproĉado kaj sinkulpigado. Pri la kaŭzoj de la milito restos verŝajne dum longa tempo tia nombro de teorioj, ke objektivan kaj ĉiulandan certecon nia generacio ne akiros.

Kontraŭe, la sistemon mem, kiu ebligas la militon, oni povos ataki, sen vanaj kaj nesolveblaj diskutoj pri la pasintaĵoj. Ĝuste en tio kuŝas la merito de la „revuloj“, ke kontraŭ sistemo, t. e. la veraj profundaj kaŭzoj, ili penis batali; ili eliris el la fatala rondo, en kiu la mondo moviĝis de milito al alia.

Ĉu oni ĝin volas aŭ ne, la internacia pacmovado ne mortos. La teruraj spertoj maturigos ĝin. Ĝi de nun ĉerpos sian forton ne sole el la pura racio, sed el la tragedio de la vivo. Ĝiaj radikoj plivastiĝos kaj plifirmiĝos en la tero de la instruaj realaĵoj. Ĝi fariĝos malpli scienca kaj pli populara, sekve malpli diskutema kaj pli agema. Ne la aprobon de la eminentuloj ĝi bezonas — ili sekvadas —, sed fortajn karakterojn kaj firmajn volojn. Lumigos ĝin la rebrilo de miloj de doloroj, kaj, vekite el sia dormado, la popoloj sekvos novajn standardojn.

Utopiistoj, daŭrigu!

*H. Hodler.*

---

 SOCIA VIVO 

## La viktimoj de la milito

III

*VIII. La malaperintoj*

Multegaj estas la personoj, pri kiuj oni nenion scias de la komenco de l' milito. Estas vojaĝantoj ie blokataj en malproksima terangulo; pasaĝeroj, kiuj kun la ŝipo serĉis rifuĝon en izolaj havenoj kaj kvazaŭ malaperis ne lasante postesignon. La multnombraj maristoj, kiuj troviĝis dumvoje en komenco de aŭgusto, ŝajnas tute forperditaj. Leteroj post leteroj estas forsendataj por informiĝi pri ilia restloko. Sed ĉar plej ofte la adresoj estas tute nesufiĉaj, la sendaĵoj ne trafas la ricevontojn, aŭ alvenas kun tiaj prokrastoj, ke dum monatoj la familioj estas korpremataj.

En tia tempo, la informo, ke ie ekzistas informejo pri malaperintoj de tiu kategorio, havas kvazaŭ magian povon. Neniu prudente pripensas, ke malgraŭ plena bonvolo tiaspeca informejo ne sufiĉas por retrovi, per neĝustaj aŭ nekompletaj informoj, personojn malaperintajn, kies adreson oni ne havas kaj kiuj estas ie ajn sur la terglobo, trans la oceanoj, en la plej malproksimaj kolonioj, meze en Afriko aŭ Azio. Kiel oni povus transsendi korespondaĵojn? Por sukcesigi la klopodojn en maniero preskaŭ certa, oni bezonus ne sole rapidajn kaj regulajn poŝt- kaj markomunikojn, sed ankaŭ armeon de plej sagacaj agentoj kaj detektivoj. De militanta lando al alia, la komunikoj estas tute interrompitaj; la leteroj ne povas trapasi la landlimon aŭ eĉ atingi lokojn apudajn al la landlimoj. Kelkaj lokoj apartenas jen al tiu, jen al tiu ĉi militanta regno. La regulaj poŝtkomunikoj estos restarigataj nur je la fino de la milito, kiel ajn granda estas la penado de la centraj poŝtadministracioj por aranĝi iom regulan interŝanĝadon de korespondaĵoj, monsendoj aŭ poŝtpakaĵoj.

Meze de tiu tutmonda konfuzo, troviĝas tamen kelkaj provoj de organizo kaj informado. Ni koncize citu ilin.

Vastan retaron de bonvolaj korespondantoj havas la Ruĝ-Krucaj Societoj, sur kiuj sin apogas la Internacia Komitato. Ili jam liveris informojn pri multaj malaperintoj. La kunlaborado de la societoj apartenantaj al neŭtralaj landoj estas aparte taŭga por ricevi informojn pri personoj aŭ aferoj en la militantaj landoj, eĉ ĉe neatenditaj okazoj. Kun diplomata lerteco ĉiam pligrandiĝos tiu informfonto dank' al sindonemaj membroj de tiaj Societoj. Oni penas starigi rilatojn inter Serbujo, Montenegro kaj kelkaj regionoj de Rusujo per Bukarest, inter Germanujo kaj Rusujo per Danujo. Kompreneble tiuj rilatoj devas sin limigi je privataj kaj humanaj aferoj. Ĉiu aludo, eĉ nerekta, pri la militokazantaĵoj devas esti forigata.

Oni ankaŭ povas citi la Societojn de Amikinoj al Junulinoj. Kiel montras ilia nomo, ili speciale protektas la junulinojn kaj virinojn izolajn. Ili helpas al ili per konsilado kaj agado, kaj sendas novaĵojn pri ili al la familioj. Du unuiĝoj sin okupas pri tiu entrepreno. La plej malnova, fondita en 1877, estas la „Internacia Unuiĝo de la Amikinoj de l' junulino". Ĝia centra sekretariejo estas en Neuchâtel (Svisujo). La plej nova, aranĝita laŭ religia vidpunkto, estas la „Internacia Katolika Asocio de la entreprenoj por junulinprotektado". Centra sidejo en Fribourg (Svisujo).

Ĉar dum milito multaj ligiloj malplektiĝas, kreskantan gravecon havas la Unuiĝo kontraŭ la negocado de la blankulinoj, fondita je 1904 en Parizo; la diverslande ekzistantaj organoj kun plia atento observadas la agadon de iuj suspektindaj agentoj.

Ni fine menciu la pacifistajn societojn, kiuj disponas vastan sindoneman helpantaron. La tutmonda konfliktego sendube kruele disrevigis ilin, sed ĝi ankaŭ hardis la energiojn por kontraŭbatali ĝiajn ruinigajn efikojn. Ni scias, ke la Internacia Pac-Oficejo en Bern ĉiel klopodos por solvi la informpetojn de siaj membroj kaj ilin laŭeble plenumi.

Se la milito estus longe daŭronta, utile estus grupigi ĉiujn tiujn bonvolajn instituciojn. Laborante unu por la alia, oni evitus duecon ĉe tasko, por kies plenumo unu sufiĉas. Oni ĉesigu esplori saman aferon samtempe kaj celu al racia labordivido. Por tio oni bezonas ne sole memvolajn helpantojn, kiuj facile malkuraĝiĝas, sed salajratajn personojn, kiujn oni pagas interŝanĝe de ilia laboro kaj de kiuj oni kompense povas postuli pli regulan agadon. Aliparte, oni evitu, ke avidemuloj ekspluatu la kredemon de la interesuloj kaj eltiru de ili senprofite elspezatajn sumojn. La ordinaraj informagentejoj preskaŭ ne plu havas internaciajn rilatojn kaj ne estas uzeblaj. Ĉia organizaĵo, kiu volas atingi pozitivan rezultaton, devas esti ŝtate rekonata kaj apogata de la aŭtoritatoj.

Tamen, ekzistas potenca perilo, kiun oni apenaŭ ekuzis, nome la gazetaro. Aperis nur kelkaj anoncoj de ambasadorejoj kun listoj de serĉataj personoj. La gazetaro estas speciale taŭga por ludi ĉefgravan rolon en la informservado: ĝi devos grandproporcie agi por esti atingebla eĉ de malriĉuloj. Ĉar la reklamoj fariĝas maloftaj, ĝi havas intereson prizorgi tiajn petojn, kaj, ne zorgante pri la nacieco de la malamiko, proponi siajn servojn al ĉiuj, kiuj serĉas personajn informojn aŭ volus informi pri si mem. Por tia organizo ampleksante plurajn landojn, oni bezonus sagacegan organizanton.

*IX. Diversaj*

Oni devus ankoraŭ paroli pri alia kategorio de personoj, kiujn grave ĝenis la milito: la militkorespondantoj havantaj vojaĝpermeson, la ĵurnalistoj, la laborantaro de la provizumaj servoj, je kiu aludas art. 13 de la Haga Regularo pri la termilito, la spionoj, al kiuj estas dediĉita aparta ĉapitro (art. 29—31 de la sama Regularo), la traktantoj (same; art. 32—34); oni ankaŭ ne forgesu la milit-transkurintojn, je kiuj malsame rilatas la militkodoj. La Ĝeneva Konvencio (art. 5) kaj la Haga Konvencio, pli supre citita (art. 2) ankaŭ okupiĝas pri la civila enloĝantaro de la militkampoj; interŝanĝe de bonvola akcepto al vunditoj kaj malsanuloj, ĝi rajtas apartan protektadon kaj certajn favorojn de la militistaj aŭtoritatoj. Rilate al la defendado de teritorio ĝis tiam ne okupita je la alproksimiĝo de la malamiko, la dua Konvencio fiksas, ke tiu defendado estas permesata al la loĝantaro, kondiĉe, ke ĝi estu malkaŝe farata, kun armiloj en la mano, kaj konforme al la militleĝoj kaj -kutimoj.

*X. Diplomataj kaj konsulaj reprezentadoj*

Ni finu tiun klarigon koncize atentigante pri la diplomataj kaj konsulaj reprezentadoj, kiuj povas havi kaj reale havas gravan signifon. Oni devas energie protesti kontraŭ la riproĉoj je tiuj reprezentantoj, kiuj sin plej ofte dediĉas — ĉie estas esceptoj — sindoneme je sia tasko. Kiom da personoj ilin insultas simple ĉar iliaj postuloj kaj plej nerealigeblaj petoj ne estas tuj plenumataj! Oni tamen pripensu je la grandega tasko, kiun ili devas plej ofte plenumi nur kun limigita helpantaro: ili devas kunlabori je la mobilizo de kelkaj miloj de viroj, helpi ofte per nesufiĉaj monrimedoj la malriĉulojn, pruntedoni monon al personoj momente embarasitaj, rehejmigi senmonajn individuojn, trakti kun la

fremdlando por importi nutrajojn kaj krudajn materiojn aŭ por konservi aŭ renovigi komerctraktatojn, okupiĝi pri plendoj koncernantaj konfiskojn.

La kritikemuloj laboru kelkan tempon en tiu radaro; ili ŝanĝos tiam pli humilaj kaj aliigos sian opinion.

La rompo de la diplomataj rilatoj inter la militantaj ŝtatoj havis la rezultaton, ke la prizorgado de iliaj regnanoj estis komisiita al la reprezentanto de amika nacio; tiu tasko aldoniĝis al lia propra tasko por la samregnanoj. Ĉar por multaj personoj tio prezentas utilecon, ni ĉi sube donas la liston de la reprezentantoj al kiuj ili povas sin turni.

La reprezentantoj de la „Triple-Entente“ sin reciproke helpas; kontraŭe, la ambasadorejo de Usono protektas la rajtojn de la Britoj en Germanujo kaj de la Francoj en Aŭstrio-Hungario. La reprezentantoj de Hispanujo okupiĝas pri la Francoj kaj la Rusoj en Germanujo, kaj pri la Rusoj en Aŭstrio-Hungario. La plej pezan taskon havas Usono kies ambasadoroj, krom la supre cititaj taskoj, protektadas la Germanojn kaj Aŭstrianojn en Britujo, en Francujo kaj en Rusujo.

Ofte okazas, ke oni petas la reprezentantojn de neŭtralaj ŝtatoj, kiel Svisujo, ke ili sin okupu pri la regnanoj de tia aŭ alia militanta ŝtato. Oni forgesas, ke tiel oni devigus ilin rompi la neŭtralecon. Tial, kiam Francoj aŭ Germanoj sin turnas al reprezentantoj de Svisujo fremdlande kiuj cetere havas sufiĉe da laboro por protekti la rajtojn kaj interesojn de siaj samlandanoj — ili ĉiam ricevas la saman respondon, nome sin turni al la reprezentanto de la ŝtato komisiita por ilia protektado.

* * *

La nuna katastrofo nuligis multajn akirajojn. Sed, kiam individuaj interesoj estas protektataj en la maniero, kiun ni ĵus priskribis, oni trograndigus parolante pri bankroto de la internacia juro. El la nuna milito la homaro eltiros gravajn instruojn. Oni aparte konstatos, ke tro malmulte oni faris por helpi al la ĉiuspecaj homaj viktimoj, kies sorton ni skizis. Tiu sorto ne estas inda je la civilizitaj popoloj; ĉiuokaze el jura punkto ĝi tute ne estas kontentiga.

En la nuna momento, ni havu kiel agdevizon: Helpado al la malfeliĉuloj per la kunlaborado de ĉiuj nesuferantoj. *Laboremus.* Ni laboru!

*Prof. D-ro E. Ræthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.

Trad.: *A. R.*

---

## La poŝto de la militkaptitoj

El artikolo de svisa poŝtisto en la jurnalo „Der Bund“, Bern, kaj el aliaj dokumentoj

II

*La malsanulejo de la pakajoj.*

Krom la leteroj alvenas ĉiutage miloj da pakajoj, ĉefe kun cigaroj, cigaredoj, ĉokolado, pipramento, ktp. En la fundo de la plimultaj sakoj troviĝas aro de diversspecaj surprizajoj, ĉar multaj envolvajoj estas nesufiĉe fortikaj. Tial ekzistas ĉe nia poŝto speciala „malsanulejo por pakajoj“, prizorgita de bonkora soldato, kiu refaras la pakajojn kaj laŭpove disdonas la trovitajn objektojn al la ĝusta posedonto. Tamen, ĉar ofte la destino de tiuj ajoj ne estas konstatebla, povas okazi ke iu, kiu atendas laktan ĉokoladon, ricevas peklitan haringon kaj ringon por piedaj kaloj. Ankaŭ la rompitaj cigaroj havas sian sorton: okazis eĉ, ke la soldato el sia cigarujo anstataŭis ilin per novaj, pli fortikaj. „Rekomenditaj leteroj“ estas en la nunaj cirkonstancoj la nomo por la plej diversaj aferoj, ekzemple du akordionoj je sep kaj naŭ kilogramoj senditaj por du francoj en Magdeburg; pupo, 50 cm longa, kiel „anstataŭantino“ sendita de fidela edzino, aŭ lada fluteto, sen envolvajo adresita de kelkaj bonhumoraj kamaradoj al oficiroj, ktp.

Fine venas la malĝojiga ĉapitro de insultaj leteroj, kartoj kaj fotografajoj adresitaj al altrangaj eksterlandaj personoj. Tiuj sendajoj, ofte tuj rekoneblaj je la mallaŭdaj aldonoj sur la adreso, estas transdonitaj al la supera svisa poŝtestraro, kiu ilin ripozigas.

La poŝtaj servoj por militkaptitoj estas en Svisujo jene aranĝataj:

La priskribita letera-oficejo Bern-Transit prizorgas leterojn simplajn kaj rekomenditajn kaj la malgrandajn pakajojn. De septembro 1914 ĝis fino de januaro 1915 estis 7,048,402 leteroj kaj kartoj kaj 146,381 pakajetoj por francaj kaptitoj en Germanujo kaj 6,950,572 leteroj kaj kartoj kaj 164,544 pakajetoj por germanaj kaptitoj en Francujo.

La grandaj pakajoj, ĝis 5 kg, estas prizorgataj en la speciala oficejo: Genève-Transit. Ĉar la servo fariĝis tre ampleksa oni traktas la pakajojn laŭ poŝtaj metodoj multe pli simplaj ol dum paca tempo kaj transportas ilin sen halto je la landlimo kaj en specialaj vagonoj Genève—Frankfurt—Genève. Estis ĝis fino de januaro 315,844 pakajoj por francaj militkaptitoj kaj 244,461 por germanaj.

La monaferoj estas administrataj de la svisa supera poŝta kontrolo en Bern, kaj, malsame ol la pakajoj kaj leteroj, ne nur inter Francujo kaj Germanujo, sed ankaŭ por Aŭstrio-Hungarujo kaj Rusujo. La valoro de la mandatoj balanciĝas inter 50 centimoj kaj 1000 frankoj po mandato; precipe multnombraj estas la malaltaj sumoj, la kelkaj frankoj penplene ŝparitaj de gepatroj aŭ edzinoj. Por ĉiu mandato, kies nombro atingas 15,000 po tago, la poŝta kontrolo devas kalkuli la sumon en la valoron de la alia lando kaj skribi novan mandaton sur svisa formulo, kiun ĝi transdonas al la letera oficejo. Se, kiel ofte okazas, la mandato revenas kun surskribo „mortinta“, oni konservas ĝin kaj resendas la originalan mandaton en speciala koverto kaj kun informo de la poŝtestraro al la hejmaj aŭtoritatoj. Ĝis fino de januaro estis forsenditaj: 350,613 mandatoj kun 5,342,455. 37 Fr. al francoj en Germanujo; 86,291 mandatoj kun 1,648,781. 76 Fr. al germanoj en Francujo; 7031 mandatoj kun 161,278. 20 Fr. al rusoj en Aŭstrio-Hungarujo kaj 5919 mandatoj kun 195,130. 64 Fr. al aŭstrianoj kaj hungaroj en Rusujo. Plena sumo: 449,854 mandatoj valorantaj 7,347,645. 97 Frankojn. Ni atentigas, ke ĉiuj mandatoj por militkaptitoj devas esti skribitaj sur la oficiala formulo, senpage ricevebla de ĉiu poŝtoficejo, kaj porti sur la antaŭa flanko la adreson: Schweizerische Oberpostkontrolle aŭ Contrôle général des postes suisses, Bern, kaj sur la malantaŭa flanko enhavi kiel eble plej detalan adreson de la ricevonta soldato. Privataj sciigoj estas malpermesataj. — Kontraŭe por la leteroj, pakajoj, ktp. bona adreso kaj (ne forgesu!) adreso de la sendinto sufiĉas. La mencio de la svisa poŝtestraro ne estas utila; la sendajoj trovas mem sian vojon.

Entute la svisa administracio okupas por la aluditaj celoj pli ol 100 poŝtoficistojn; plie oni devas aldoni ĝian laboron por la senpaga korespondado de la Internacia Ruĝa Kruco, sumanta je kelkaj milionoj, la helpo de la militista poŝto, ktp.

* * *

Oni permesu ankoraŭ rimarkon de la prilaborinto de tiu artikolo. Kiel jam montris la poŝtisto, la geografiaj konoj de la leterskribantoj estas tre modestaj. Krom eraroj, sen-

kulpigeblaj por la malgraveco de fremdaj lokoj, troviĝas sur la kovertoj kunmetitaĵoj de urboj kun provincoj aŭ eĉ landoj tiel malkorektaj, ke oni dubas ĉu ni vivas en la dudeka jarcento, kiam oni scias aŭ devus scii, ke la terglobo estas ronda kaj ke inter Polujo kaj Argentino estas certa diferenco. Sama rimarko pri la ortografio. En diversaj oficejoj mi havis la okazon konstati, kiom granda parto de la korespondaĵoj estas skribita en formo kaj idiomo, kiuj, kun tio kion ni kutimas nomi la germana aŭ franca lingvo, havas nur malproksiman similecon. En germana lingvo la ĉefaj danĝerigiloj estas la deklinacio kaj la duoblaj literoj kiel *v, f, ph*, la *ie, ck, mm, nn*, ktp.; en la franca lingvo la akcentoj, la distranĉo de l' e antaŭ la vokaloj, la *e* de l' virina sekso kaj la mutaj vokaloj; plie en ambaŭ lingvoj suferas la gramatikaj tempoj kaj la sintakso. Estus neĝuste kulpigi la instruistojn, kiel ofte oni faras. Ili staras antaŭ du malfacilaĵoj ne multe ŝanĝeblaj per novaj lernmetodoj aŭ pliaj monkreditoj. Unue la fakto, ke malgraŭ ĉiu „instruo" la pli multaj Eŭropanoj gajnas sian vivon per plugilo kaj martelo. Estante ne tiel enpaperiĝintaj kiel ni, ili malofte uzas la plumon, kies funkciigo estas kaj restos por ili malfacila arto. Due la lingvo, la franca, germana, kiel la angla kaj aliaj, kiujn oni facile parolas (bonaj lokaj esprimoj ja plivivigas, ne difektas la lingvon) konservis tiel komplikajn skribmetodojn, ke la kvazaŭa traduko de la parolata en la skribatan lingvon postulas sperton ne atingeblan de malofta skribanto. Tiel longe, kiel Eŭropo ne estos unu granda oficejo la unua fakto restos; despli konvenas atenti kian grandegan servon al la lingva kulturo en popolaj rondoj oni povus fari per kuraĝa simpligo de la ortografio. Pro tiel nomitaj sciencaj kaŭzoj, ke tiu vorto estas latina, ke la greka *φ* (fi) ne korespondas al nia f, aŭ la germana v; pro la respekto antaŭ la slava, semida aŭ ĥina, ĝenerale ne konata deveno de iu esprimo, la florĝardeno de nia lingvoj fariĝis simila al la ĉirkaŭaĵo de fortikaĵo: tero plena da pikantaj ferfadenoj, kaptiloj kaj embuskoj. Kiel longa estus la listo de ĉiuj lingvaj antikvaĵoj, tiel longa estas komprenebla la vico de la pravigoj, irante de la rememorigo, ke ne konvenas ŝanĝi sistemojn sanktigitajn per centjara uzado ĝis la naiva pretendo, ke tiaj malfacilaĵoj valoras por diferencigi la „instruitajn" homojn de la popolamaso. Ne estas tie la loko por teorioj pri naciaj lingvoj, sed, ĉar la priskribitaj leteroj de personoj el landoj kun bonaj lernejoj montris tiajn rezultatojn, mi kredis utile aludi la problemon. Estas antaŭvidinde, ke la milito faros la homojn en certa senco pli naciemaj. Al la enlanda kulturo kaj tiel al la tutmonda oni farus grandan servon, se oni povus redoni al ĉiu nacio ĝian lingvon liberigitan de arĥaika balasto, la lingvon brilan kaj poluritan kiel ĝi vivas en la spirito de la popoloj.

*Ed. Stettler*, Bern.

---

## Alvoko al la ĉiulandaj kleruloj

Ni ĉi-sube represas la alvokon de la Internacia Pac-Oficejo en Bern al la ĉiulandaj kleruloj. Pri tiu sama demando, vidu *„Esperanto"*, N-ro 2, paĝ. 1. Oni sendube ŝatos la altecon de la sentoj esprimataj per tiu ĉi alvoko, sed dube estas, ke ili trovos eĥon ĉe la plimultaj kleruloj, kiuj anstataŭ reteni la popolojn, estis mem, je plej alta grado, viktimoj de la gentaj pasioj.

De kelkaj monatoj, malnova Eŭropo suferas ĉiujn terurajojn de senkompara milito. La kadavroj de la plej fortikaj junuloj el ĉiuj popoloj, la ejoj dediĉitaj al la laborado kaj civilizacio, fariĝis rubaĵoj. Milionoj da homoj, antaŭ nelonge okupataj je la laboroj de la paco, en plena agemo kaj saneco, kontentaj plenumi sian taskon en la ĝojo, estas fordonataj al la morto, al la malsano, al la invalideco, aŭ baraktas en la mizero kaj malespero. Svenis kaj forgesiĝis la esperoj, kiuj antaŭ malmultaj jaroj, entuziasmigis la homaron je la komenco de la dudeka jarcento. Instigataj de la malamo kaj kolero, la homoj pensas nur pri la detruado de ĉio, kio hieraŭ ŝajnis al ili la sanktaj monumentoj de senegala progresepoko.

Tamen, en la sanga kaj tragedia nokto, ekaperas malproksima brileto, espereto, konfuza penso: tago iam estos, kiam finiĝos tiu doloro, kiam reaŭdiĝos la racio, kiam revekiĝos la konscienco de la homaro. Ni ne ankoraŭ scias, kiam venos tiu tago, sed ni scias, ke ĝi estas venonta.

La fido je tiu liberiga tago havas eble pli altan moralan kaj humanan signifon ol la helpo donita al la militsuferantoj. Prepari la venon de tiu tago estas sankta devo en tiu tempo de febro kaj sango.

Al vi, homoj de l' scienco kaj scio, al vi, la intelektaj gvidantoj de la homaro, kiuj havas la mision alte svingi la standardon de la civilizacio, kiel viaj antaŭuloj, kun energio tiom pli granda, kiam regas la sufero kaj nigraj estas al horoj; al vi sin trudas tiu gravega devo pli severe ol iam en la sinsekvado de la jarcentoj.

La popoloj stariĝas unu kontraŭ la alia, plenaj de disreviĝo kaj malamo; nur unu deziron ili havas, sin reciproke disŝiri. Nekapablaj konfesi la ligilojn, kiuj malgraŭ ĉio ilin kunigas, ili penegas nei ilin. Sed vi, eminentuloj de l' scienco kaj de l' arto, edukantoj de la popoloj, esploristoj kaj inventistoj, vi scias, ke tiuj ligiloj ekzistas kaj ke, tuj kiam la sanga inkubo de la milito estos for, fatala lego devigos puŝos la nuntempajn batalantojn al reciproka sinserĉado kaj sintrovado.

Ĉar vi tion scias, vi havas tiom pli grandan respondecon. Timu, ke la homaro ankoraŭ kortremanta de siaj vundoj, kulpigos vin je indiferenteco. Konsciu pri via respondeco. Estu pretaj plenumi vian noblan mision!

Ne apartenas al vi la tasko interveni, por ke la milito finiĝu, kaj postuli la pacon. Tio preterpasas vian povon. La homaro havas la povon eviti la militon, sed, kiam milito furiozas, ĝi estas senpova por ĝin bridi aŭ limigi. Via tasko estas: resti puraj je ĉiu malamo. Via rolo, nuntempe, estas nek juĝado kaj riproĉado, nek denuncado kaj kulpigo. Eĉ se via koro elsaltas, silentu!

Sed se vi deziras paroli, via penso celu substreki tiun homan komunecon en kiu vi vivis, laboris, povis florigi vian sciencon kaj arton. Ĉar venos la tago, kiam revivos tiu komuneco. Tiam hontos ĉiuj, kiuj malŝatis ĝin. Evitu al vi mem kaj al via popolo tiajn bedaŭrojn. Restu fidelaj al la idealo, por ke vi povu energie labori je la reunuigo, kiam finita estos la milito.

Vi eraris, kiam vi kredis, ke vi ankaŭ devas partopreni je la batalo. La alta sento, kiu instigis vin plenumi tiun eraron, estos komprenata. Konfesu tamen la danĝeron, kiu kuŝas ĉe tiu eraro, kaj forlasu ĝin. Por vi, la homaro devas restadi super la nacioj: vian nacion vi servas, estante je la servo de la homaro. Meze de la ĥaoso, vi estas destinitaj por prepari, per viaj paroloj kaj agoj, la publikan kaj moralan ordon por la pactagoj.

Tiam estos veninta via vico! Tiam vi povos, per viaj vortoj kaj per viaj agoj, helpi al la resanigo de la nun sangantaj vundoj.

---

# POST LA GRANDA MILITO

## ALVOKO AL LA DIPLOMATIO

## LETERO DE DOKTORO L. L. ZAMENHOF

Terura milito ekkaptis nun preskaŭ la tutan Eŭropon. Kiam finiĝos la grandamasa reciproka buĉado, kiu tiel forte malhonoras la civilizitan mondon, kunvenos la diplomatoj kaj penos reordigi la rilatojn inter la popoloj. Al vi, al tiuj estontaj reordigantoj, mi nun min turnas.

Kiam vi kunvenos post la plej ekstermanta milito, kiun iam konis la historio, vi havos antaŭ vi eksterordinare grandan kaj gravan taskon. De vi dependos, ĉu la mondo havu de nun fortikan pacon por tre longa tempo kaj eble por ĉiam, aŭ ĉu ni havu nur kelktempan silenton, kiun baldaŭ denove interrompos diversaj eksplodoj de intergentaj bataloj aŭ eĉ novaj militoj. Pripensu do frutempe kaj tre zorge vian taskon, ĉar nun, kiam por via laboro estas oferitaj multaj centmiloj da homaj vivoj kaj milionoj da tre malfacile akiritaj homaj bonstatoj, vi havos sur vi tre grandan moralan respondecon. Zorgu do, ke via laboro ne estu sencela kaj senfrukta kaj ke post la fino de viaj laboroj la homaro povu diri: ni ne vane elportis la grandegajn kaj terurajn oferojn.

Ĉu vi komencos simple refaradi kaj flikadi la karton de Eŭropo? Ĉu vi simple decidos, ke la terpeco A devas aparteni al la gento X kaj la terpeco B al la gento Y? Estas vero, ke tian laboron vi devos fari; sed ĝi devas esti nur negrava *parto* de viaj laboroj; gardu vin, ke la refarado de la karto ne fariĝu la tuta *esenco* de viaj laboroj, ĉar tiam viaj laboroj restus tute senvaloraj, kaj la grandegaj sangaj oferoj, kiujn la homaro elportis, restus vanaj.

Kiom ajn vi volos kontentigi la popolojn, kiom ajn justaj vi penos esti kontraŭ diversaj gentoj, vi nenion atingos per refarado de la karto, ĉar ĉiu ŝajna justeco koncerne unu genton estos samtempe maljusteco koncerne alian genton. La nuna tempo ne estas simila al la tempo antikva: sur ĉiu disputebla peco da tero laboris kaj verŝis sian sangon ne *unu* gento, sed ankaŭ *aliaj* gentoj; kaj se vi decidos, ke tiu aŭ alia terpeco devas aparteni al tiu aŭ alia gento, vi ne sole ne faros agon justan, sed vi ankaŭ ne forigos sur tiu terpeco la kaŭzon de estonta batalado. La „liberigo", kiun vi donos al tiu aŭ alia terpeco, estos nur sofismo, ĉar ĝi signifos nur, ke al tiu aŭ alia gento vi donos la rajton esti sur tiu terpeco mastroj super homoj de aliaj gentoj, kiuj ankaŭ tie naskiĝis, laboris kaj suferis kaj havas koncerne sian patrujon la samajn naturajn rajtojn, kiujn ĉiu infano havas koncerne sian patrinon. Estas vero, ke tiu gento, kiun vi privilegios, entuziasme krios: „Vivu la diplomatoj!" kaj se tiu gento sur la koncerna terpeco prezentos la plimulton, ĝi per teroro silentigos la aliajn, kaj ĉiuj gazetoj en la mondo diros, ke „la tuta loĝantaro de la terpeco A sentas sin tre feliĉa"... Sed tio estos mensogo, simpla mensogo, kiun la mondo ne komprenos nur pro tio, ke la ĝemado de la terore silentigitaj prematoj, de homoj, kiuj en sia patrujo fariĝis „fremduloj", ne venos al ĝiaj oreloj.

Transdonante ian terpecon al la homoj de tiu aŭ alia gento, vi ĉiam faros maljustajon kontraŭ aliaj homoj, kiuj havas la samajn naturajn rajtojn koncerne tiun terpecon. La sola efektive justa decido, kiun vi povas fari, estas: laŭte proklami kiel oficialan, firme interkonsentitan kaj plene garantiitan decidon de ĉiuj Eŭropaj regnoj la sekvantan elementе naturan, sed ĝis nun bedaŭrinde ne observatan principon:

*Ĉiu lando morale kaj materiale plene egalrajte apartenas al ĉiuj siaj filoj.*

Tio estas, ke en sia privata vivo ĉiu civitano en ĉiu regno havas plenan rajton paroli tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas; ke se en la institucioj publikaj estas uzata unu sola regna aŭ loka lingvo, tio estas nur poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto, sed ne humiliga tributo de gentoj mastrataj al gento mastranta. Ĉar la gentaj nomoj, kiujn portos ankoraŭ multaj regnoj kaj provincoj, estas la ĉefa kaŭzo, pro kiu la loĝantoj de unu supozata deveno rigardas sin kiel mastrojn super la loĝantoj de alia supozata deveno, tial ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian.

Plej bone estus, se anstataŭ diversaj grandaj kaj malgrandaj Eŭropaj regnoj ni havus iam proporcie kaj geografie aranĝitajn „Unuiĝintajn Ŝtatojn de Eŭropo". Sed se nun estas ankoraŭ tro frue, por paroli por tio, oni devas almenaŭ per oficiala kaj interkonsentita akcepto de la supre dirita principo forigi tiun grandegan malbonon, tiun senfinan fonton de konstantaj bataloj, kiun prezentas la identigado de lando kun gento.

Kiam la supre dirita principo estos oficiale fiksita per garantiita decido de ĉiuj Eŭropaj regnoj, tiam malaperos la ĉefa kaŭzo de militoj kaj de konstanta reciproka timado kaj senfina armiĝado, ĉar tiam oni jam neniam kaj nenie povos diri, ke „la patrujo estas en danĝero". Oni scias ja tre bone, ke la vortoj „patrujo en danĝero" ne signifas, ke iu volas deŝiri parton de nia patrujo kaj ĵeti ĝin en la maron, aŭ ke iu volas rabi por si la havon de ĝiaj loĝantoj, sed plej ordinare tiuj vortoj signifas simple: „Minacas danĝero, ke sur ia terpeco, kie ĝis nun *mia* gento estis mastro kaj aliaj homoj estis nur pli aŭ malpli toleritaj, morgaŭ eble *alia* gento fariĝos mastro kaj mia gento estos nur tolerata."

Kiam en la tuta Eŭropo regos politika justeco *absoluta*, t. e. natura, ĉie kaj por ĉiuj egala, kiam en ĉiu lando ĉiuj loĝantoj estos morale kaj materiale plene egalrajtaj, kiam la landoj ne portos plu gentajn nomojn, kiam la regna lingvo ne havos plu karakteron genteŝovinisman kaj humiligan kaj ne ekzistos plu gentoj-mastroj kaj gentoj-servantoj — tiam ne ekzistos plu kaŭzo por intergentaj militoj; tiam ĉiu homo povos sidi tute trankvile en sia natura, sole vera kaj sincere amata patrujo, li ne bezonos plu timi, ke iu povas „forpreni" ĝin de li, kaj li ne bezonos revi pri forpreno de la patrujo de aliaj homoj.

Mi scias tre bone, ke la malamo inter la gentoj ne malaperos *subite*, en unu tago, kian ajn aranĝon la diplomatoj farus. Sed por tio poste laboros jam personoj *privataj*, per predikado, edukado, alkutimigado, ktp.; de vi, diplomatoj, ni atendas nur, ke vi donu al ni la *eblon* tion fari. Reciproka malamo inter la diversaj gentoj de la homaro ne estas io natura, kiel ne estus natura ia reciproka malamo inter la diversaj familioj de unu gento: la malamon kaŭzas nur — krom la facile forigebla reciproka nekomprenado kaj nekonado

— la ekzistado de gentoj premantaj kaj gentoj premataj, la blinda egoismo, fiereco kaj kalumniemeco de la unuaj, la natura reagemeco de la lastaj. Estas facile interfratigi homojn liberajn kaj egalrajtajn, sed estas nefareble interfratigi homojn, el kiuj unuj rigardas sin kiel rajtajn mastrojn super la aliaj.

Se vi eĉ farus nenion alian, *se vi nur forigus la gentajn nomojn de la landoj* (afero tre facile farebla), vi jam farus per tio agon eksterordinare gravan, vi kreus novan eron en la historio de Eŭropo. Ĉar en lando kun neŭtrala nomo la tute natura plena egalrajteco de ĉiuj ĝiaj loĝantoj pli aŭ malpli frue nepre estos atingita, sed en lando kun nomo genta la egalrajteco neniam estos plena kaj daŭra, ĉar la malfeliĉa nomo ne sole kvazaŭ pravigos la plej malnoblajn intergentajn maljustaĵojn en la diversgentaj landoj de la orienta Eŭropo, sed eĉ en landoj pli civilizitaj ĝi ĉiam konfuzos la kapojn eĉ de la plej honestaj civitanoj, subtenante en ili ĉiam la opinion kaj senton, ke la lando apartenas nur al tiu gento, kies nomon ĝi portas, kaj ĉiuj aliaj gentoj estas en ĝi nur fremduloj. Eĉ ĉe la plej bona volo la civitanoj de tiu lando ne povas alkutimiĝi al la ideo, ke ili ĉiuj prezentas unu nacion, ĉar por tia nacio simple ne ekzistas *vorto*, kaj, demandite pri tio, al kiu popolo li apartenas, la loĝanto de tia lando pro manko de tiu vorto estas *devigata* nomi ian *genton*; kaj ĉi tiu devigata konstanta alkalkulado sin al ia speciala gento anstataŭ al la komuna nacio de la lando forte subtenas la gentan ŝovinismon kaj malpacon inter la samlandanoj.

Resumante ĉion, kion mi diris, mi ripetas:

Kiam post la fino de la milito kunvenos la diplomatoj, ili povos fari ŝanĝojn en la karto de Eŭropo; sed tio ne devas esti ilia *ĉefa* laboro. Ilia ĉefa laboro devas esti: starigi en la nomo kaj sub la garantio de siaj registaroj pli-malpli la sekvantajn leĝojn:

1e Ĉiu regno apartenas morale kaj materiale al ĉiuj siaj naturaj kaj naturigitaj loĝantoj, kian ajn lingvon, religion aŭ supozatan devenon ili havas; neniu gento en la regno devas havi pli grandajn aŭ pli malgrandajn rajtojn aŭ devojn ol la aliaj gentoj.

2e Ĉiu regnano havas plenan rajton uzi tiun lingvon aŭ dialekton, kiun li volas, kaj konfesi tiun religion, kiun li volas. Nur en la institucioj publikaj, kiuj ne estas destinitaj speciale por unu gento, devas esti uzata tiu lingvo, kiu per komuna interkonsento de la regnanoj estas akceptita kiel lingvo regna. En tiuj publikaj institucioj, kiuj havas karakteron speciale lokan, anstataŭ la regna lingvo povas esti uzata alia lingvo, se ne malpli ol $^{9}/_{10}$ de la urbanoj donis por ĝi sian konsenton. Sed la lingvo regna aŭ urba devas esti rigardata ne kiel humiliga tributo, kiun ŝuldas gentoj mastrataj al gento mastranta, sed nur kiel propravola poroportuneca cedo de la malplimulto al la plimulto.

3e Pro ĉiuj maljustaĵoj, farataj en ia regno, la registaro de tiu regno estas responda antaŭ Konstanta Tut-Eŭropa Tribunalo, starigita per interkonsento de ĉiuj Eŭropaj regnoj.

4e Ĉiu regno kaj ĉiu provinco devas porti ne la nomon de ia gento, sed nur nomon neŭtrale-geografian, akceptitan per komuna interkonsento de ĉiuj regnoj.

Sinjoroj, diplomatoj! Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas de vi pacon. Ĝi atendas ne kelktempan interpaciĝon, sed pacon konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru, memoru, memoru, ke la sola rimedo, por atingi tian pacon, estas: forigi unu fojon per ĉiam la *ĉefan kaŭzon* de la militoj, la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭcivilizacia tempo, *la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj.*

---

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **Rehejmigo de la civilkaptitoj.** — La svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj finis sian taskon. Tamen, ĝi restos ankoraŭ kelkan tempon malfermita por ordigo de la aferoj kaj korespondado.

Restas ankoraŭ en Germanujo kelkaj miloj de francoj, kiuj estis forkondukitaj de la militista aŭtoritato en Germanujon. Tiuj personoj estos rehejmigataj ankaŭ tra Svisujo, sed per la svisa militista aŭtoritato. Tiu servo estas farita sekve de nova interkonsento kun la koncernaj ŝtatoj, kiuj repagos la transport- kaj nutrad-elspezojn.

La rehejmigo komencis en marto, kaj jam estis transportitaj kelkaj miloj, plejparte virinoj kaj infanoj tute malriĉaj. Ĝi fariĝas tra Schaffhausen kaj Genève; dumvoje la rehejmigatoj estas gastigataj kaj nutrataj; ili ankaŭ ofte ricevas vestaĵojn kaj diversajn helpojn. Notinde estas, ke tiuj malfeliĉuloj rakontas siajn malĝojajn aventurojn en senpasia kaj digna maniero.

∴ **Por la vunditaj oficiroj.** — La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco komunikas la jenan noton:

„La interŝanĝado de la gravevunditoj plenumiĝas kaj estas sur bona vojo. Pluraj vagonaroj jam pasis tra Ĝenevo, unuj al Germanujo, aliaj al Francujo. Sed la Komitato opinias, ke la entrepreno estas plivastigota.

„Multaj vunditaj oficiroj devos resti en la malamika lando kaj ne estos interŝanĝataj, ĉar oni timas, ke malgraŭ iliaj vundoj, ili povas ankoraŭ utili al sia lando, laborante en oficejoj kaj tiel liberigante sanajn oficirojn, kiuj tiuokaze povus iri al la batallinio.

„En tiu okazo Svisujo povus denove plenumi utilan verkon kaj havigi al tiuj oficiroj la eblecon forlasi la hospitalon, akceptadi vizitojn, kaj eĉ kuraciĝi de iliaj propraj familioj kaj resaniĝi en tre favoraj sanitaraj cirkonstancoj. Tiuj oficiroj estus internigataj en Svisujo kaj loĝigataj en hoteloj, je prezoj fiksotaj kaj repagotaj de ilia lando. Ili donus sian honorvorton, ke ili ne eliros el Svisujo kaj eĉ el certa regiono antaŭ la fino de la milito. Kompreneble oni ne loĝigus ilin en la grandaj urboj, nek ĉe la landlimo, sed en valoj aŭ lokoj de centra Svisujo, kie ili trovus bonajn hotelojn kaj la necesan kuracistan helpon.

„La Internacia Komitato scias, ke la svisa registaro estas preta faciligi tian aranĝon, kiu sendube estos favore akceptata de la militantaj regnoj kaj estos konforma je la gastigemaj tradicioj de Svisujo."

Oficialaj klopodoj nun komenciĝis.

∴ **Poŝtmandatoj kun Hispanujo.** — De la 15 marto 1915 funkcias la servado de poŝtmandatoj (kiu ĝis nun ne ekzistis) inter Svisujo kaj Hispanujo, laŭ la bazoj de la internaciaj traktatoj en Romo.

Oni povas sendi ordinarajn kaj telegrafajn mandatojn ĝis la sumo de 1000 frankoj. La enpaga kurzo estas fiksita je 1.04 franko por 1 peseta.

---

# Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperos ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj loĝantaj en regionoj, kun kiuj la poŝtrilatoj nun estas interrompataj, ricevos la aperintajn numerojn tuj kiam estos eble.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**

# DEK-UNUA KONGRESO DE ESPERANTO

**San Francisco, 22—29 aŭgusto 1915**

La Loka Organiza Komitato de la Dek-unua Kongreso, en Edinburgo, alprenis la jenan decidon:

„La Loka Organiza Komitato por la Dek-unua Kongreso de Esperanto opinias, ke pro la bedaŭrinda internacia situacio kaŭzita de la Eŭropa milito, ne estas konsilinde, eĉ se eble, okazigi Universalan Kongreson de Esperanto en la nuna jaro. Pro tio la Loka Organiza Komitato petas la K. K. K., ke, se ĝi samopinias, ĝi oficiale anoncu la forlason de la Kongreso difinita por la jaro 1915. Se ne estas eble havigi la opiniojn de la apartaj anoj de la K. K. K., G-lo Sébert, kiel ĝia Prezidanto, bonvolu fari la anoncon en la Esperantaj gazetoj.

„La Loka Organiza Komitato estos preta aranĝi la Internacian Kongreson en Skotlando, tuj kiam tio estos oportuna. Se la K. K. K. opinios, ke, antaŭ ol okazigi ĝin en Skotlando, estas dezirinde aranĝi Internacian Kongreson en alia lando, la Loka Organiza Komitato senhezite konsentos.

*J. M. Warden*, prezidanto;
*W. M. Page, J. Robbie*, sekretarioj."

Aliparte la K. K. K. ricevis de la Panama Pacifika Internacia Ekspozicio inviton okazigi la Dek-unuan Kongreson en San Francisco, kune kun la Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso, kiu okazos de la 22 ĝis la 29 aŭgusto 1915.

Konsiderante la decidon de la Edinburga Komitato kaj la proponon de la Panama Pacifika Internacia Ekspozicio, la K. K. K. decidis akcepti tiun lastan. La Dek-unua Kongreso do okazos en *San Francisco* la 22—29 aŭgusto 1915.

Viglaj komitatoj prilaboras planojn por la diversaj flankoj de la kongreso. La Ekspozicia kompanio helpas diversmaniere. De multaj landoj oni sciigas al ni pri intenco partopreni tiun feston, kaj la ĉeestado de multenombraj fremduloj el la ĉirkaŭpacifikaj landoj estas certa, ĉar nun la unuan fojon por ili, okazas kongreso facile atingebla. Dum 1915 San Francisco estos la plej taŭga urbo en la mondo por ĉiuspecaj kongresoj, kion pruvas la fakto, ke ne malpli ol 500 tiaj kunvenoj, naciaj kaj internaciaj, okazos en tiu ĉi urbo dum la daŭro de la granda ekspozicio. Kune kun la bone ellaborataj kongresaj okazontaĵoj, la ekspozicio, kiu cetere estos certe la plej moderna kaj belega el ĉiuj, devas allogi eksterlandajn samideanojn, tiom pli, ke la veturkostoj al San Francisco estos proksimume duonigitaj dum la daŭro de la jaro 1915.

En venontaj N-roj ni donos detalajn informojn pri nia Dek-unua, al kies preparaj laboroj ni deziras plej bonan sukceson.

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Bozen-Gries:* La Esp. Societo komencis novan kurson (la trian dum la nuna sezono) en ĉambro de la publika komerca lernejo senpage disponigita de la urbestraro; 14 partoprenantoj. Kvankam parto de la fervoraj membroj estas en la milito, la vivo en la societo estas tre vigla. Oni aranĝis bone vizitatan festvesperon kun loterio. — *Budapest:* S-ro P. Robicsek faris sukcesan paroladon en la Budapeŝta Popola Hotelo pri „Internaciismo kaj la milito, internacia lingvo kaj industria laboristaro". Ĉe la Budapeŝta Skolta Societo, S-ro N. Bánó faris paroladon; dum la Paska libertempo okazos kurso. — *Klagenfurt:* S-ro F. Homer gvidas kurson. — *Kutná Hora:* Kurso sukcese komenciĝis kun 20 partoprenantoj; instruas S-ro Horaĉek, prez. de la Klubo. — *Praha:* Fondiĝis propaganda unuiĝo sub la titolo „Bohemaj Esperanto-Pioniroj", kun jena estraro: J. Ŝidlo, prez.; J. Podlipsky, vicprez.; J. Mraz, sekr.; X. Kuĉera, kas. Adreso: J. Mraz, Jakubske 275, Praha-Smichov. Tiu ĉi unuiĝo kun Esp. Klubo en Rakovnik eldonos ilustritan gvidlibron tra Rakovnik kaj ĉirkaŭaĵo. La Esp. Klubo en Praha malfermis kurson ĉe la popola abstinenta societo. — *Trieste:* S-ro P-ro Ghez malfermis kurson kun 30 vizitantoj. — *Villach:* S-ro F. Homer gvidas kurson.

## Britujo.

*Barrow:* La jara festeno de la Esp. Societo sukcese okazis. Sekvis festeto. Ĉeestis 100 personoj. — *Bexleyheath:* La kunvenoj regule daŭrigas; kvin tagojn en la semajno okazas Esp. instruado. — *Bradford:* La jara kunveno de la Federacio de Yorkshire okazis. Estis elektita la Komitato por 1915. La aferkunvenon sekvis vesperfesto kun ŝatita teatraĵo, prezentita de kelkaj Bradfordaj membroj. — *Chester:* Kursoj okazas ĉiusemajne sub la direktado de S-ro R. Furber. — *Chorley:* Ĉe la ĉiujara publika kunveno S-ro Pratt, el Grange, faris lumbildan paroladon, kondukante la aŭdantaron tra Belgujo, laŭ Rejno, al la Berna Kongreso. Li rakontis diversajn okazaĵojn pruvantajn la valoron de Esp. dum vojaĝo. Oni monkolektis por la ambulanco „Esperanto N-ro 2". — *Edinburgh:* Ĉe la jara kunveno de la membroj de UEA, S-ro Tullo, Del., raportis pri la lastjara agado de UEA. S-ro Page substrekis la utilecon de la nunaj servoj de UEA. S-ro Harvey kaj F-ino Adam esprimis sian aprobon pri la laboroj de la Asocio. La raporto estis unuanime aprobita. — *Glasgow:* Publika propaganda parolado estis farita ĉe la Royal Philosophical Hall de S-ro P-ro J. E. McFadyen, profesoro de malnovtestamenta literaturo, sub la titolo „Kiel mi estis konvertita al Esp.". S-ro Douglas Buchanan raportis pri la stato de nia movado. — *Manchester:* La 7a jara kunveno de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire okazis kun bona sukceso. La delegitoj en la nombro de 150 estis oficiale akceptitaj de la urbestro, kiu favore parolis pri nia lingvo. S-ro Rhodes Marriott, antaŭa prezidanto, raportis pri la stato de nia afero. Nova Komitato estis elektita. Prezidanto estas S-ro Applebaum (Liverpool). Sekvis komuna teo, koncerto kaj dancado. 18 grupoj de la regiono estis reprezentitaj. — *Sheffield:* Koncerto kaj vesperfesto okazis, kun diversaj propagandaj paroladoj; ĉeestis ĉ. 100 personoj.

## Bulgarujo.

*Karlovo:* La lernantoj de la gimnazio fondis fundamentistan grupon „Ni venkos" kaj malfermis kurson. Prezidanto J. Radkov. — *Koprivŝtica:* Estas malfermita kurso inter la lernantoj; ĉeestas ankaŭ instruistoj. — *Rila Monaĥejo:* Ankaŭ en tiu sankta loko, la Esp. movado trovis bonajn adeptojn. — *Vidin:* S-ro Lazarov malfermis kurson.

## Francujo.

*Beauvais:* La grupo eldonis franclingvan cirkuleron pri la servoj de Esperanto dum la milito. — *Pré St-Gervais:* La grupo kunvenas la unuan ĵaŭdon ĉiumonate; kursoj okazas ĉiumarde ĉe la publikaj lernejoj. — *Versailles:* S-ro Chilard, Del., eldonis franclingvan afiŝon pri la servoj de Esperanto kaj UEA dum la milito.

## Germanujo.

*Augsburg:* La ĝenerala kunveno de la membroj de UEA okazis la 4 marto; ĉeestis ĉ. 30 personoj. S-ro D-ro Ledermann, Del., raportis pri la agado de UEA. S-ro Gründler parolis pri la signifo de UEA dum la milito kaj S-ro P-ro Haas pri la naciaj lingvoj kaj

Esp. post la milito. — *Breslau:* „La interna lumo“ estas la nomo de ĵus fondita unuiĝo de la Breslaŭaj Esp. blinduloj. Ĝi celas la disvastigon de nia lingvo kaj la akcelon de ĉiuj blindulinteresoj. En la kunsidoj oni studas Esp. literaturon kaj traktas gravajn problemojn el homa vivo, scienco, arto, ktp., ĉio nur en Esp. Prez. S-ro Selten, Wallstr. 15. — *Dresden:* Ĉe la jara ĉefkunveno, en kiu estas reelektita la ĝisnuna estraro, S-ro K. v. Frenckell paroladis pri vojaĝo al Danujo kaj Svedujo. S-ro D-ro Steche faris propagandan paroladon ĉe la „Aŭla“ de la teknika altlernejo. — *Leipzig:* S-ro D-ro Steche sukcese paroladis en la „Verein für Volkswohl“. Ĉe la societo „Leibnitz“ S-ro Lippmann faras du kursojn. — *Stuttgart:* Krom la kurso en „Stuttgart-a Esp. Stelo“ kaj ĉe la laboristoj (ĉi tie kursestro S-ro Weissmann), estas ankaŭ kurso ĉe Heslach-a sekcio de kristana Unuiĝo de junaj viroj (gvidanto S-ro Vordermayer); krom tio estas privata kurso ĉe S-ro Krebs. — *Überlingen:* Kurso komenciĝis sub la kondukado de S-ro E. Schulz, Del.

## Hispanujo.

*Baracaldo:* S-ro V. O. de Allende kondukas kurson. — *Bilbao:* S-ro V. O. de Allende gvidas kvar kursojn: tri en la grupejo, la alian en la socialista popoldomo. — *Zaragoza:* S-ro V. O. de Allende faris du paroladojn en la grupejo.

## Italujo.

*Cremona:* S-ro A. Mandelli, sekretario de K. E. G., faris interesan paroladon en Cremona; nun pli ol 60 estas vizitantoj de la kurso gvidata de F-ino Ida Soldati, instruistino. — *Firenze:* En la lernejoj de la Ĝenerala Oficista Asocio S-ro C. Grazzini, de la Itala Katedro, gvidas kurson. — *Rimini:* Jen la nova estraro de la Grupo Rimina Espero: Prez. P-ro M. Carolfi; vicprez. F-ino M. Arlotti; sekr. F-ino E. Carpesani; bibl. F-ino Adanti; kas. S-ino Pozzi.

## Nederlando.

Inter la belgaj soldatoj internigitaj en Nederlando, estas multe da samideanoj, kiuj klopodas por disvastigi Esperanton ĉe siaj kunuloj, i. a. S-roj Demey, el Kortrijk, Bonabo, Del. el St-Gilles, Zwaenepoel kaj Seurinck, anoj de „Suda Lumo“ (Antverpeno), kiuj estas ĉiuj internigitaj en Harderwijk, S-ro Verbeken, el Namur, internigita en Zeist. F-ino M. Posenaer, el Antverpeno, starigis duonsemajnan kurson en Domburg, ĉe kiu ĉeestas la urbestro kaj edzino. — *Breda:* La Katolika Esp. Rondo: Per Esperanto al Harmonio, aliĝis al la Kontraŭmilita Unuiĝo Nederlanda, kies Esperantajn cirkulerojn ni anoncis en N-ro 3ª, paĝ. 30.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Malfermiĝis du novaj kursoj ĉe komercaj klasoj (15 lernantoj) kaj ĉe Eklezia Seminario (22 lernantoj). — *Kiew:* F-ino Lisiĉnik komencis novan kurson. La grupa vivo daŭrigas malgraŭ la milito. — *Moskvo:* Ĉe la societo Esperanto estis organizita oratora konkurso, kies premiuloj estas S-roj Demidjuk, Aleksandrov kaj Ivanov. — *Petrograd:* Societo Espero regule kunvenas ĉiumerkrede, kun meznombre 25 personoj. Membro de la Societo, S-ro P. E. Stojan, estas invitita de Rusa Akademio por kunlaborado en ĝia Granda Vortaro de Rusa Lingvo.

## Svedujo.

*Norrköping:* La kurso, gvidata de S-ro Leander Tell, finiĝis per festeto. S-ro Tell paroladis pri la historio de nia movado. Sekvis teo, koncerto kaj dancado. La vespero estis en ĉio tre sukcesa. — *Stockholm:* Ĉe „Birkagarden“ (grava kultura asocio en la ĉefurbo) S-ro T. Rosengren, sekretario de „Verda Stelo“, faris interesplenan kaj tre ŝatitan paroladon pri Praha kaj Bohemujo. Tiu parolado estis ripetita en *Vaxholm* (garnizona urbo) antaŭ granda publiko, inter kiu la tuta regimento en Vaxholm, la oficiraro, k. a.

# LINGVA KOMITATO

Laŭ raporto de S-ro Rektoro Boirac, prezidanto de la Akademio, („Oficiala Gazeto“, julio 1914) estas elektitaj L.-Komitatanoj (la kursive presitaj nomoj estas tiuj de la *novaj* anoj):

Dombrowski (56 voĉoj), Fiŝer (54), Cart, Meyer (53), Mudie (52), Kühnl, Mybs, Sébert, Simon, Uitterdyk (51), F-ino Ŝefer, Villanueva (50), Lengyel (49), Busuttil (48), *Duviard*, Sabadell (47), de Ménil, Millidge (46), Pollen (45), Schröder (44), *Ghez*, Matton, Mazzolini (42), Geoghegan, Stojan (40), Ostrowski, Sepulvedra (39), *Mučnik* (38), Codorniu, Villareal (37), Ĉejka, Costa e Almeida, Runeberg (36), Süssmuth, Thorsteinsson (34), Fruictier (32), Vargas (31).

Eliris el la L. K. por diversaj motivoj:

Bagnulo, Beauchemin, Benoit, Bicknell, Blumenthal, Morel, Capé, Ebner, Fabres †, Gauntlett, S-ino Junck, Keating, Kofmann, Krumpholc, Michaux, Morin, Moscheles, Renard, Schutz, Zinoviev.

Nur 61 voĉdonis. La nombro de la komitatanoj estas nun 131.

Pri la labormetodo de la L. K. S-ro P-ro Cart faras jenan praktikan proponon, kiu, ne kontraŭdirante la nunan regularon, simpligus la laboron de la Sekcio pri komuna vortaro:

1e La Akademio proponus al la L. K., sen ia prijuĝo, la, laŭ ĝia sperto kaj informo, solvotajn demandojn.

2e Post ricevo de la rimarkoj en fiksota limtempo, la sekcio pri komuna vortaro redaktus raporton, kiun ĝi submetus al la Akademio. Tiu ĉi ĝin diskutus kaj poste starigus sian akademian raporton.

3e Pri tiu ĉi lasta raporto voĉdonus per *jes* aŭ *ne* la L. K.'anoj sen nova diskuto. En listo de vortoj, ĉiu vorto estus konsiderata aparte.

# DIVERSAĴOJ

.˙. **Esperanto kaj nuntempaj problemoj.** — La Holanda Komitato „La Eŭropa Federacio“, starigita okaze de la milito, aperigis en diversaj lingvoj alvoko-broŝuron sub la titolo: *La sola solvo: Eŭropa Federacio,* verkitan de D-ro Nico van Suchtelen. Ekzistas ankaŭ Esperanta traduko de tiu broŝuro, kiun bonvolis fari F-ino M. van Rees (Utrecht). Ni rekomendas la legadon de tiu broŝuro al niaj legantoj. Ricevebla ĉe: De Europeesche Statenbond, Blaricum, Nederlando.

# TRA LA GAZETARO

.˙. La jenaj Esperantaj gazetoj aperis lastatempe: „*Amerika Esperantisto*“, „*British Esperantist*“, „*Bulletin d'Information Esperantiste*“ (Paris), „*Esperanto Monthly*“, „*Espero*“ (Svedujo kaj Norvegujo), „*Germana Esperantisto*“, „*Holanda Pioniro*“, „*L'Esperanto*“ (Italujo), „*Kataluna Esperantisto*“, „*Nederlanda Katoliko*“, „*Ondo de Esperanto*“ (Rusujo), „*Verda Standardo*“ (Hungarujo).

.˙. La ĉeĥa gazeto „*Vídenský Denník*“ aperigis tradukon de la ĉefartikolo de la januara N-ro de nia gazeto „Super“. Sveda traduko de la sama artikolo aperis en „*La Espero*“ kaj bulgara en „*Kultura*“. La brita gazeto „*The Observer*“ enpresis tradukon de la rakonto „Kristnasko ĉe la hospitalo“ (N-ro 2ª).

.˙. La gazeto „*Das Polytechnikum*“ (Cöthen) aperigis studon pri la signifo de Esp. en la monda milito. „*Concord*“, pacifista brita revuo, enhavas artikolon pri Esp. kaj paco. „*Volksfreund*“, aperanta en São Paolo, enhavas regulan Esp. rubrikon.

.˙. La nederlanda gazeto „*Algemeen Handelsblad*“ el Amsterdam, publikigis felietone pri vizito al la internigejo de Hardernijk; ĝi pritraktas Esp. kaj la tiean kurson. La „*Nieuwe Rotterdamsche Courant*“ publikigis artikolon pri UEA dum la milito. En „*L'Echo belge*“ (Amsterdam) estis jam diversfoje petoj de internigitaj soldatoj pri Esp.

.˙. Multaj diverslingvaj gazetoj aperigis pli-malpli longajn notojn pri la servoj de UEA dum la milito, pri nacia propagando per Esperanto, ktp.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Agado de UEA dum la milito.** — Kiel montras la ciferoj de la korespondaĵoj ricevitaj kaj forsenditaj (vidu sube), la agado de la C. O. dum la lastaj semajnoj restis same vigla kiel en antaŭaj monatoj. Ĝi rilatis precipe al la transsendado de leteroj kaj esploroj pri malaperintaj civilpersonoj. Ambaŭ estis plenumitaj en maniero kontentiga por la interesuloj. Grandan nombron de leteroj kaj petoj ni ricevis el Aŭstrio-Hungario por transsendi al la okupataj partoj de Galicio. El tiuj diversaj servoj rezultas grava propagando por UEA kaj por nia movado, kiel pruvas multaj leteroj.

Malgraŭ niaj precizaj klarigoj en la antaŭaj N-roj diversloke aperis la informo, ke UEA sin okupas pri serĉado de militkaptitoj. Ni ripetas, ke pri tio UEA ne povas sin okupi. Oni bonvolu sin turni al la specialaj agentejoj de la Ruĝa Kruco, kiuj solaj ricevas la oficialajn listojn de kaptitoj kaj sekve povas liveri la necesajn informojn. Multaj el la personoj, kiuj skribas al ni pri tio, jam skribis al tiuj agentejoj. Ĉar ni nur povas transdoni iliajn informpetojn al la speciale por tio kreitaj institucioj, rezultas el tio, ke ĉi tiuj ofte plurfoje ricevas la saman demandon — kio multe malfaciligas ilian laboron. Por eviti tion, estas do preferinde sin turni al nia Oficejo ne pri militkaptitoj, sed nur pri *transsendo de leteroj kaj serĉado de malaperintaj civilpersonoj.*

**Regionaj kunvenoj.** — Kie tio estas ebla, la Delegitoj estas petataj okazigi regionan kunvenon de la membroj, en la sama formo kiel la antaŭajn jarojn. Ili uzu la okazon por precize klarigi la servojn faritajn de UEA dum la milito (vidu la antaŭajn N-rojn de „*Esperanto*") kaj kolekti kotizaĵojn por la nuna jaro. Protokolo de tiuj kunvenoj estu sendata al ni.

Necese estas, ke en la nuntempaj kondiĉoj, la Delegitoj laŭeble konservu kontakton kun la membroj kaj informu ilin pri la laboroj de nia Asocio dum la milito.

**Interŝanĝa Fako.** — Pro la nunaj cirkonstancoj la „*Interŝanĝa Bulteno*" momente ne aperas. La personoj, kiuj estis pagintaj la kotizaĵon por 1915, rajtos enpresigi anoncon pri korespondado en „*Esperanto*", en la sama formo kiel ordinare aperis tiaj anoncoj en la „*Interŝanĝa Bulteno*". Ni petas la nomitajn personojn, ke ili bonvolu sendi al ni la tekston de la presota anonco.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 23,125 |
| 118. Julio Delfi J. Dalmau, Bahia Blanca | 125 |
| 119. C. A. Jonides, Hove (Sussex) | 125 |
| Frankoj | 23,375 |

Entute (ĝis la 1 marto) 119 Garantiantoj mendintaj 187 atestojn, valoro 23,375 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

Restas vendeblaj ankoraŭ 13 atestoj.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 28 februaro estis enkasigitaj 990 kotizaĵoj (el kiuj 53 subtenantoj kaj 141 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj*: 43.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato februaro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 5,411 | 7,819 |

*Tuta sumo*: 13,230. (Antaŭa monato: 13,638.)

**Novaj Delegitoj.**

*Carcassonne* (Francujo, Aude). — D.: E. Salvage, 4bis, rue de Strasbourg.
*Heilbronn* (Germanujo, Württemberg). — D.: F. Bachmann, Lerchenstr. 40.
*Karlsruhe* (Germanujo, Baden). — D.: D-ro A. Mulert, Kriegsstr. 100.
*Kolberg* (Germanujo, Pommern). — D.: K. Groch, Promenade 11.
*Moergestel* (Nederlando, N. B.). — D.: A. N. Kouwenberg.
*Tetschen* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: J. Klinger, Kirchgasse 463.
*Yverdon* (Svisujo, Vaud). — D.: H. Hoog, Commerce de Musique.

**Ŝanĝoj.**

*Brno* (Brünn, Aŭstrio, Moravio). — D.: V. Hradil, Medlanky apud Brno.

**Eksiĝoj.**

*Omsk* (D.: Elert).

# Agado de UEA dum 1913-1914

## (Julio 1913 — Julio 1914)

II

GVIDFOLIOJ KAJ GVIDLIBROJ. — Novaj gvidfolioj, eldonitaj sub la aŭspicioj de UEA, aperis en *Bozen-Gries, Chemnitz, Indriĥuv, Hradec, Kladno, Lausanne, Nancy, Rorschach, Tiflis, Versailles.* Aliparte ni notis la aperon de gvidlibroj en *Augsburg, Bromberg, Château-Thierry, Olomouc, Stirio, B. Reichenhall,* kaj kelkaj aliaj, kiujn oni forgesis sendi al ni. Kun plezuro oni povas konstati, ke pliiĝas la intereso de la lokaj turismaj societoj por la eldonado de Esperantaj gvidlibroj; kelkaj ne hezitas monhelpi tiujn eldonaĵojn.

Ni sukcesis aranĝi por niaj membroj servon por la dissendo de gvidfolioj kaj gvidlibroj. Kontraŭ nura repago de la poŝtelspezoj niaj membroj povas ricevi la Esperantan gvidfolion aŭ gvidlibron de diversaj regionoj, anstataŭ sin turni al malsamaj adresoj, kiel okazis antaŭe. Bedaŭrinde, ne ĉiuj eldonintoj de gvidlibroj ankoraŭ komprenis la utilecon de tiu servo aŭ atentis ĝin.

Tuŝante la demandon pri gvidfolioj kaj gvidlibroj ni devas noti la deziresprimon elmetitan de la franca Turisma Kongreso (Parizo, septembro 1913) instigantan la Iniciatajn Sindikatojn monhelpi la eldonadon de Esperantaj gvidfolioj.

IMPORTADO DE BICIKLETOJ. — Konforme al la laborprogramo, kiun ni fiksis komence de la jaro, la C. O. komencis senperajn klopodojn ĉe diversaj administracioj por certigi al siaj membroj certajn favorojn. Unu el ili estas la jam priparolita klopodo por akcepto de nia membrokarto kiel legitimacio ĉe la poŝto. Alia rilatas al la provizora importado de la bicikletoj, kiu speciale interesas niajn turistajn membrojn. Oni scias, ke ĉe kelkaj landoj (ekz. Aŭ-

strio-Hungario, Belgujo, Francujo, Italujo, Svisujo), ciklistoj enveturantaj estas devigataj deponi mongarantion ĉe la dogano. Ni faris la necesajn klopodojn por ke niaj membroj estu liberigataj je tiu tre ĝena devigo. Per decido de la 30 aprilo kaj 9 junio, la supera administracio de la svisaj doganoj decidis, ke membroj de UEA biciklete veturontaj en Svisujon povos pasi la landlimon, sen depono de garantio, nur montrante la membrokarton laŭleĝe atestitan. La saman decidon alprenis la Ministerio Itala de la Financoj (23 junio). Ni ne ankoraŭ sukcesis atingi la saman rezultaton en Francujo; tamen, dank' al la afabla interhelpo de S-ro senatano Lucien Cornet, honora membro de UEA, la Ministro de la Financoj bonvolis konsenti la nomitan favoron okaze de la Kongreso. Kun la administracioj de Aŭstrio-Hungario kaj Belgujo ni ankoraŭ traktas.

La ĝisnunaj rezultatoj estas do kontentigaj. Aliĝante al UEA, niaj membroj ĝuas la samajn favorojn, kiujn ĉe aliaj societoj oni akiras nur per senteble pli alta kotizaĵo. Niaj Delegitoj profitu tion por varbi membrojn ĉe turistoj kaj ciklistoj, precipe en la regionoj apudaj al la nomitaj landoj.

RABATOJ POR NIAJ MEMBROJ. — Ni antaŭ nelonge komencis klopodojn por havigi al niaj membroj rabatojn ĉe diverslandaj fervojoj, ŝipkompanioj, teatroj, kazinoj, grotoj, naturvidindaĵoj, ktp. Pro la Kongreso, Francujo estis la unua lando, kie ni agadis. Ni jam nun povas publikigi la unuan liston de la institucioj, kiuj konsentis al niaj membroj ĉu individuan ĉu kolektivan rabaton. Per postaj klopodoj alilande tiu listo espereble rapide pligrandiĝos. Tiamaniere kreskas la profitoj, kiuj estas alligataj je la membreco de UEA. Niaj Delegitoj ilin konu kaj konigu!

RILATOJ KUN TURISMAJ ORGANIZAĴOJ. — Nun kiam nia Asocio fariĝis pli grava, la tempo venis, ŝajnas al ni, ke UEA komencu interrilati kun organizaĵoj laborantaj sur najbaraj kampoj, al kiuj ni povus helpi kaj de kiuj ni reciproke povus ricevi helpon. Inter tiaj organizaĵoj unuavice citindaj estas tiuj societoj, kiuj sub diversaj nomoj (Syndicats d'initiative, Bureaux de renseignements, Verkehrsverein, ktp.) celas konigi sian regionon fremdlanden kaj utili al la turistoj. Kelkaj el ili jam interesiĝis al nia movado, monhelpante la eldonadon de gvidfolioj aŭ gvidlibroj, aliaj — la plimulto — ĝis nun ne scias precize, kiel ili povus uzi Esperanton kaj restas skeptikaj pri ĝia utileco, sed el ili verŝajne multaj nin fine helpus, se ni precize montrus al ili, kiamaniere UEA povas utili al ili.

Ni do komencis serion de klopodoj por rilatiĝi kun tiuj organizaĵoj. Por la efektivigo de tiu programo, ni unue sendis je la fino de junio al ĉiuj Delegitoj demandaron pri la lokaj turismoficejoj. Ni diversigos nian agadon laŭ la informoj, kiujn ni tiamaniere ricevos.

KARAVANOJ. — Kiel kutime UEA prizorgis la aranĝadon de alkongresaj kaj postkongresaj karavanoj, kun la helpo de la naciaj aŭ regionaj Esperantistaj organizaĵoj. Post la Naŭa Kongreso sukcesa karavano estis aranĝita tra Svisujo. La klopodoj, kiujn ni faras por atingi rabatojn ĉe fervojoj, celas ebligi al niaj membroj vojaĝadon en kiel eble plej malkaraj kondiĉoj. Dezirinde estus, ke pli ofte Delegitoj aranĝu por la membroj de sia regiono karavanojn ne sole okaze de Esperantistaj Kongresoj, sed ankaŭ okaze de neesperantistaj festoj, ekspozicioj, ktp. Ĝuste tio estas bonega maniero varbi novajn membrojn al nia Asocio.

KOMERCAJ KONGRESOJ. — UEA estis speciale reprezentata ĉe la Internacia Kongreso de la Komercaj Ĉambroj (Parizo, junio 1914) de tri delegitoj, S-roj Rollet de l'Isle, Camescasse kaj C. Rousseau. Nia aliĝo estis tro malfrua por ke oni povu priparoli la komercajn aplikojn de Esperanto ĉe tiu Kongreso, sed ni esperas, ke oni povos tion fari ĉe la venonta Kongreso.

Laŭ iniciato de niaj fervoraj Del. kaj Vicdel. en Lisbono, la unua portugala Kongreso de la Komercaj Ĉambroj voĉdonis tre favoran rezolucion pri UEA, kies tekston ni rekomendas al la personoj klopodontaj ĉe aliaj Kongresoj.

KLOPODOJ ĈE GAZETOJ. — Por varbado de Esperantiaj Entreprenoj, speciale festoj, ekspozicioj, ktp., plej efike estas, se ni povas insisti pri la reklamaj servoj de UEA. Utile estis do, ke ni posedu liston de diverslandaj gazetoj, kiuj promesas enpresi la notojn pri okazontaĵoj de ĝenerala intereso, kiujn niaj Delegitoj sendos al ili. Niaj klopodoj por tio havis bonan rezultaton: pli ol 150 diverslokaj gazetoj, el kiuj kelkaj estas tre disvastigataj, jese respondis nian demandon. Sin apogante sur tiu listo, kiu facile povos esti pligrandigata, niaj Delegitoj povos varbi pli oportune tiujn Entreprenojn, kiujn interesas ĉefe la reklamaj servoj de UEA.

RILATOJ KUN LA NACIAJ ESPERANTISTAJ SOCIETOJ. — Novaj naciaj societoj aliĝis al la interkonsento, kiun ĝis nun subskribis la jenaj societoj: *Bohema Asocio Esperantista, Bohema Unio Esperantista, Brita Esperanto-Asocio, Dana Esperantista Ligo, Esperanto-Asocio de Finnlando, Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, Franca Societo por propagando de Esperanto, Germana Esperanto-Asocio, Hispana Societo por propagando de Esperanto, Hungarlanda Esperanta Societo, Istria Esperanta Unuiĝo, Nederlanda Federacio Esperantista, Svisa Esperanta Societo.*

Ĉiuj societoj elektis reprezentantojn, inter kiuj rondiras kajero, per kiu estas priparolataj ĉiuj komuninteresaj demandoj. Inter la demandoj traktitaj de la reprezentantoj, speciale notinda estas la propono pri egalvaloreco de la Esperantaj diplomoj, kiu ricevis solvon. (Vidu pri tio la specialan raporton.)

ĜENERALA PROPAGANDO. — La kresko de nia membraro estas la plej bona pruvo, ke la Delegitoj pliigis la propagandon por nia Asocio. Dum 1913 aperis pri UEA 1118 gazetartikoloj kaj estis faritaj 701 paroladoj. Siaflanke UEA aranĝis en Nord-Francujo kaj Belgujo kelkajn paroladojn, kiujn bonvolis fari nia sindonema komitatano S-ro Edmond Privat. Kelkajn semajnojn antaŭ la Kongreso ni sendigis per la Delegitoj artikolon pri la Kongreso kaj diversaj favoroj ricevitaj de UEA. Ĉe la Esperanta pavilono starigita en la Leipziga Mondekspozicio kaj ĉe la Esperanta fako de la Lyona ekspozicio UEA estis speciale reprezentata per tabeloj, grafikoj, eldonaĵoj, ktp.

La plej serioza propagando ĉiam estas tiu, kiu rezultas el faktoj. Tial ni rekomendas al niaj Delegitoj kaj membroj, ke ĉe artikoloj sendotaj al la gazetaro ili pli kaj pli insistu pri faktoj praktikaj montrantaj — sen ia trograndigo — la nunan utilecon de nia Asocio. Tiamaniere iom post iom sin trudos al la publiko la nomo de nia Asocio kiel organizaĵo faranta utilajn servojn.

LABORPROGRAMO DUM LA VENONTA JARO. — La komencitaj klopodoj devos esti daŭrigataj kaj plivastigataj: unuflanke ni penos havigi al niaj membroj novajn favorojn alligatajn je la posedo de la membrokarto, speciale rabatoj. Aliflanke, daŭrigante la vojon jam prilaboritan, ni interrilatos kun turismaj kaj komercaj organizaĵoj por interesigi ilin je la agado de UEA kaj interkonsenti kun ili pri praktikaj laboroj. Ni intencas enkonduki ankoraŭ kelkajn plibonigojn en nia Jarlibro tiel ke ĝi fariĝu ĉiam pli praktika kaj facile uzebla. La internacia interkonsento pri egalvaloreco de la Esperantaj diplomoj ebligos novajn aranĝojn por pligrandigi la utilecon de tiuj diplomoj, laŭ plano prezentota ĉe tiu Kongreso. Daŭrigante amikan kunlaboradon kun la naciaj Esperantistaj societoj, ni rilatados kun ili pri ĉiuj komuninteresaj demandoj, ĉar la sperto montris al ni, ke plej necesa por la trafa disvolvo de ĉiuj niaj fortoj estas konkorda kaj harmonia kunagado. La pli aŭ malpli rapida plenumo de tiu programo dependas grandparte de la helpado kaj orda kunlaborado de ĉiuj niaj Delegitoj. Ni scias, kiel malfacila estas iafoje ilia tasko, sed la faktoj ankaŭ montras, ke kun sistema, saĝa kaj praktika agado la unuavide aperantaj malfacilaĵoj iom post iom foriĝas. Tio, kio jam ekzistas en kelkaj urboj de plej diversaj landoj, ankaŭ estas ebla en aliaj. La periodo de la predikemaj apostoloj de Esperanto nun forpasis. Ni bezonas nun homojn praktike agemajn, seriozajn administrantojn, kompetentajn helpantojn, havantajn klaran senton pri eblaĵoj kaj realaĵoj. Nur kun tia kunlaborantaro sin apoganta sur bona organizo kaj taŭgaj labormetodoj, ni povos realigi gravajn kaj daŭrajn progresojn.

*La Direktoro de UEA.*

# Esperantia Parolejo

**Oni laŭdas!**

.·. S-ro *C. Ostermann*, Del. Gera, tutkore dankas F-inon G. Gérard, Del. Paris, pro faritaj servoj.

.·. S-ro *L. Vincent*, membro en Parizo, kore dankas al S-ro Allsop, kunlaboranto de S-ro Epstein, Del. Londono, kaj al S-ro Buchanan, Del. Glasgow, pro tre afabla helpo dum vojaĝo.

.·. S-ro *F. Gorgues*, Vicdel. Barcelona, dankas S-ron R. Martorell, Del. Sabadell, pro faritaj servoj.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Paul Deschamps**, Esperantisto el Rouen. La gepatroj volonte volus scii, kie oni enterigis la korpon de ilia kara filo. Francoj aŭ Germanoj, kiuj scias ion pri tio aŭ ĉeestis tiun batalon, skribu al: L. Chs. Droogendijk, Stavenisse (Nederlando). S-ro P. Deschamps falis la 22 aŭgusto apud Fillières (Meurthe-et-Moselle).

**Theodor Erlebach**, sekretario de la Societo Espero en Franzendorf.

**Julio Förster**, el Budapest, filo de S-ro Jeno Förster, Del. en Budapest.

**Hanke**, Esperantisto el Dresden.

**Herklotz**, Esperantisto el Dresden.

**Körner**, Esperantisto el Dresden.

**Eugen Rüdig**, membro N-ro 3146, el Gummersbach.

**Richard Strenger**, Esperantisto el Gummersbach.

**Alfred Zaumseil**, Esperantisto el Gera.

**Theodor Zempe**, Esperantisto el Berlin.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Kvara listo*

*Graër, Henri*, el Lille, Lager Haus-Spital, 20. Gruppe, Münster in Westph.

*Garuhjane*, el Batum, Lager Zossen bei Berlin.

*Ripansky, Josef*, el Budapest, civilkaptito en Caserne Martron, Dépôt des Etrangers, Rochefort s. Mer.

*Vicaire*, Festungslazarett, Abt. VII, Maschinenschule, Köln a. Rh.

* * *

S-ro *Spiller, Josef*, antaŭ sekretario ĉe la C. O. de UEA, naskita 16 majo 1892, Inf. Reg. Kaiser 1 (Troppau), aŭstria armeo, malaperis de decembro. Je la 28 novembro li skribis el aŭstria ambulanco, kies nomon li ne donis, ke li havas ambaŭ piedojn frostigitaj. De tiam oni ne plu ricevis informon, malgraŭ diversaj klopodoj. Oni supozas, ke la ambulanco estis kaptita de la rusa armeo. Ĉiujn ajn utiligeblajn informojn oni sendu al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl. = *bildflanko*.

ABBEVILLE (Francujo, Somme). — S-ro Furcy Racine, 120, Bd. de la République, PI.

LYSS (Svisujo, Kanton Bern). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM kun ĉiuj landoj. Ne donas la unuan sendaĵon.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro N. N. Ŝaŝkin, Varvarka 28, Akcionernoj O-vo „Salolin", PI.

PADOVA (Italujo). — S-ro Rag Leone Costelli, Corso Vitt. Em. II. N. 3 b (kun ĉiuj landoj).

PETROGRAD (Rusujo). — S-ro A. P. Razumov, Fontanka 103 kv. 31, PI, PK, L.

SKARA (Svedujo). — F-ino Ester Beckmann, L, PK.

LA VARENNE ST-HILAIRE (Francujo, Seine). — S-ro Louis Prévost, 73, Boulevard de Champigny, PI, PK, PM (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

NUNTEMPA DEMANDO: Speciale nun estas leginda la broŝuro de D-ro J. Rutgers, havebla kontraŭ internacia respondkupono ĉe la aŭtoro, Verhulstraat 9, Hago (Nederlando).

PORTLANDO-CEMENTO. Firmo Mandema, Sappemeer (Nederlando) petas la prezon de 10—15 mil kg. da artefarita portlandcemento, afrankite al stacidomo Hoogezand-Sappermeer (linio Groningen, norda parto de Nederlando).

PROPAGANDO. Por propaganda celo mi deziras eldoni Esp. glumarkojn en ĉiuj lingvoj. Por tio mi alvokas la helpon de ĉiuj samideanoj. Mi dezirus havi la tradukon de la jena frazo: Lernu la internacian lingvon Esperanto, en la jenaj lingvoj: albana, armena, rumana, serba, bulgara, bretona, pola, lapona, greka, yurka, wenda, litova, valdea, islanda, jud-hispana, jud-germana, malta, slovaka, slovena, kimra, gelika, manana, irlanda. Oni skribu plej legeble. Al ĉiu samideano havigonta tradukon, mi sendos kolekton de 20 Esp. sigelmarkoj de mi eldonitaj. J. Amades, Peu de la Creu 10, Barcelona.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO